Aŭstria Esperantisto

Oficiala organo de Aŭstruja Esperanto-Delegitaro (A. E. D.), Esperanto-Delegitaro de Wien (E. D. W.), Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista (T. E. L. F.) kaj Universala Esperantista Pacifista Ligo (U. E. P. L.)

1a Jaro. No. 3 Monata Oktobro 1924

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg apud Wien, Hovengasse 12, II, 13

**Kunlaborantoj!** Skribu legeble, retenu kopion, aktualajojn sendu ĝis la 1a de l'monato Manuskriptoj ne resendataj.

Jarabono: Por Aŭstrianoj kaj Germanoj 20.000 aŭ. K, Alilandanoj 2.50 svis. fr.

## PAROLADO DE D-RO EDMOND PRIVAT

okaze la Pacifista Manifestacio dum la XVIa.

Karegaj geamikoj!

Kun plezuro mi sekvis la inviton, paroli en via Manifestacio. Nur mi volas atentigi vin, ke mia parolado estos ree duoble „privata" laŭ la konata signifo de l' vorto. Mi parolos ĉi tie ne reprezentante ian korporacion, sed nur kiel simpla civitano esperantuja.

Antaŭ la malfermo de nia kunveno ni vidis ĉi tie sur la estrado du infanojn 6 ĝis 8 jarajn, kiuj bele parolas nian lingvon — eĉ sen eraroj pri l' akuzativo. Jen, bela simbolo! Kaj ili partoprenas nian mondfeston. Ankaŭ tio estas tute konforma al la karaktero de nia tempo. Kiam mi estis ankoraŭ infano, eĉ en familia vivo plenkreskintoj ludis la centrajn rolojn, la patro ekzemple okupis la honorlokon ĉe la tablo, la infanoj devis ĉe aparta tableto sidi obeante. Nuntempe la situo estas alia: Infan' estas reĝo, estas la centro de ĉiuj interesoj. Kaj tute prave laŭ mia opinio. Grumblemaj grizharuloj ja timeme kritikas tiun evoluon de l' edukado. Povas esti, ke modernedukitaj infanoj ne montros tiom da „edukiteco", sed — ŝajnas al mi — pli multe da sincereco.

La homoj nuntempaj satiĝis je malĝoj' kaj mizero, sopiras je bildoj ĝojigaj. Eble ankaŭ multaj inter vi rememoris, vidante la du infanojn, siajn proprajn, hejme restintajn. Imagu nur ke, dum ni ĉi tie kunsidas, en tiu bela posttagmezo somera en landoj malproksimaj ludas infanoj multegaj, sunbrilumate. Kaj dum miaj pensoj nun vagas al tiu granda etularo tutmonda, antaŭ la vido spirita aperas alia bildo, des pli terura, el tempo antikva.

Mi memoras Bahalon, tiun monstran diaĵon, en kies ardantan buŝegon metalan oferdonace ĵetis patrinoj la proprajn idojn. Ĉu ne estas teruriga penso, ke tia Bahalo ankoraŭ ekzistas, forgluttanta nian idaron?! Jes, jes, ĝi ekzistas ankoraŭ, se ankaŭ en formo moderna! Kaj ĉu ne estas pens' abomena, ke ankoraŭ nuntempe oferas virinoj, patrinoj siajn idojn al tiu monstro, siajn idojn naskitajn dolore?!

Kiom pli bela estas la ideo pri paca feino, kiu benante tramigras la landojn. Ni sopiras, ke tiu bela sonĝ' efektiviĝu; sed kiom malproksima estas la nuna stato de daŭra paco! Ni tial iomete malpacienciĝis jam.

Ho, kunlaboru vi ĉiuj al tiu celo! Memortenu bone la vortojn, kiujn vi aŭdis ĵus de altanima virino:[1]) „Neniam malamu!" Jen la vorto ĝusta. La mal-

---

[1]) Prezidantino Isbrücker.

amo vivanta estas Bahalo restinta. Vi mem estas kulpaj, se la monstro formanĝaĉas viajn infanojn, se vi ĝin lasas vivi. La monstro ja akomodiĝis al la bezonoj de l' tempo moderna, ĝi pliruziĝis, sin maskas antaŭ la okuloj de la publiko, ĝi ne plu postulas, ke la patrinoj propramane oferu siajn infanojn, ĉar ĝi kalkulas kun la sentemo de l' nuntempaj homoj; por tiu okupo ekzekutista ĝi havas nuntempe diversajn servistojn: ĵurnalistojn, diplomatojn kaj — bedaŭre — ankaŭ sciencistojn. Bedaŭrinda estas la fakto, ke ankaŭ talentaj kapoj, valoraj cerboj servas al ĝi malamigante, homojn ruinigante.

Ĉi tie ni pace kunestas, kunvenintaj de malproksime en urbo ravige bela. Ni alilandanoj tramigras admirante la larĝajn aleojn, vagante preter la imponaj palacoj. Imagu nun, karaj, ke la tuta tiu admirindaĵo per bomboj estus detruebla, la ĉarma bonkora loĝantaro, kiu gastigas nin, venenigebla per gasoj en kelkaj horoj. La sama loĝantaro, kiu antaŭ malmultaj jaroj ankoraŭ naive ĝojis ĉiutage pri militista marŝmuziko. Ĉu tia „milito“ ankoraŭ estus reciproka „fort“mezurado? Ĉu ĝi povus rezultigi ion prudentan laŭ diplomatia konsidero? Sed konsiderante la neeblon, sin defendi kontraŭ aervenenigo, ĉu la tuta militsistemo ne estas krom plorinda ankaŭ ridinda? Tion diru al la homoj; ridindigu la sistemon! Tiel vi efike kontraŭagos al ĝi.

Sed tio ne sufiĉos. Ni devos senmaskigi alian interrilaton.

Vi aŭdis de s-ano Kenn la opinion de la Ĉinoj pri la Ruĝa Kruco, ke la Ruĝkrucanoj prefere okupu sin per urĝaj porsociaj laboroj, kiel luktado kontraŭ fajro aŭ akvo, anstataŭ serĉi kaj flegi militvunditojn, kiuj laŭ dia volo estas mortontaj. Mi volas diri al s-ro Kenn: „Kara ĉina amiko! Tamen viaj Ruĝkrucanoj serĉu la vunditojn sur kamp' de batalo kaj helpu ilin. Kial? vi demandas. Kaj mi demandas vin: Kiun interrilaton vi vidas inter tia vundito, forvokita el siaj kampo kaj familio, nun mizere mortanta, kaj la verda tablo ambaŭflanke, ĉe kiu diplomatoj intertraktinte kaŭzis la militkonflikton? Mi ne vidas sufiĉan kaŭzon, ke la vilaĝano mortu pro tio. Mi nur komprenas, ke tiuj du aferoj, militismo kaj diplomatio, devos esti disigataj; ke ne ekzistas kaŭzo prudenta, ke ni eduku niajn laboremajn fratojn al buĉistoj, por ke ili pli poste finu sian vivon mem estiĝinte buĉviandaĉo.“

Sed kiel ilin disigi? Oni devos trovi alian rimedon por ordigi diplomatajn konfliktojn ol militbatalilojn. Tiu problemo tamen ne estas tiom malfacile solvebla, kiel multaj opinias: Ekzistas ja modeloj jam por konkuradoj tute ordaj. Se ni vizitas sportan feston, ni vidas, ke malgraŭ ambicio kaj pasieco ambaŭflanka la interbatalantoj ne kondutas kiel hundoj ĉe manĝujo: Laŭ konvenciaj formoj la konkurado estas traktata ĝisfine.

La tasko do estas, krei tiajn konvenciajn formojn, prudentajn kaj fidindajn, ankaŭ por la konkurado interpopola.

En Genève oni jam komencis tian institucion; sed ĝi estas malforta ankoraŭ. Sed kial? Kiu estas kulpa? Ni ĉiuj, karegaj, ankaŭ mi, estas kulpaj! Kial ni allasis, ke la iamaj diplomatoj plue reprezentu nin, ke la malnova diplomatia skolo regu plu? Kaj se eĉ! Ĉu iam vi demandis jam viajn reprezentantojn: „Kiel statas la aferoj en Genève pri senarmigo, pri Esperanto k. t. p.?“ — aferoj, kiuj certe interesas vin. Ni sendis tiujn personojn tien. Mi ne ofendas iun dirante, ke ili laŭ la nuna stato estas kvazaŭ nur altaj oficistoj, alte pagataj. Sed mi demandas: Por kio estas pagataj diplomatoj? Por ke ili voĉdonu por militoj? Ne! — Sed ili solaj ne estas kulpaj! Oni ne opiniu, ke ĉiu devo estas jam plenumita per simpla elekto de reprezentanto. Ĉiuj iliaj sendintoj, la ekleziaj rondoj kiel laboristaj, instruistoj kiel junularo k. t. p., sed precipe la registaroj, havus la devon, ankaŭ postuli respondon pri iliaj laboroj. La popoloj mem ilin devus demandi, kunelabori anstataŭ plendi poste. Or-

ganizu vian laboron! Unu inter la plej eminentaj spiritoj, homo, kiu ĉiam laboris por la paco, Lord Robert Cecil, parolis la gravan vorton: „La plej granda potenco kontraŭ militoj estas la laboristaro!“ Organizu viajn arojn; reprezentigu vin, man- kaj kaplaborantoj tutmondaj; komisiu al viaj reprezentantoj vian firman volon kontraŭmilitan kaj ne forgesu ankaŭ, kontroli viajn komisiitojn! Tiel la laborantaj, la produktantaj homoj povos neebligi rean frenezan, nur detruantan militon.

Ni demandu nin, rigardante la sekvojn de la lasta, ĉu vere la motivoj diritaj ĝiatempe estas la efektivaj kaŭzoj de milito, aŭ ĉu ne la kanonvendado, la monprofito atendota estas la vera. Kaj se vi konvinkiĝis pri tio, klarigu al viaj kunuloj la veran situon tutmondan.

Se eble ne plaĉas al multaj Ligo de Nacioj laŭ ĝia nuna formo, ili ne forgesu, ke ĝi estas komenco, sed ke ĝi ja povas esti perfektigata, estiĝi rimedo por solvi la grandajn problemojn de l' suferanta homaro. Helpu finkonstrui ĝin! La malgrandaj, la malfortaj popoloj devos postuli, esti reprezentataj en ĝi. Demokratigu la Ligon kaj ĝi povos efike servi al la komunaj necesoj. — —

Alia grava laborkampo estas la edukado. Koncize ĝia necesa celo estas esprimebla per unu frazo: Nia himno „La Espero“ akompanu niajn etulojn de iliaj plej fruaj tagoj tra la vivo. Tial ĝi estu lernigata en la familioj, en la lernejoj ĉiulandaj antaŭ la naciaj himnoj. Ĉu estas necese diri, ke homo unuavice estu homo, kio signifas ankaŭ, ke li respektu nepre la vivon de la alia? Por tiu fundamenta ideo pri edukado ni devos entuziasmigi ĉiujn patrinojn, kiuj facile perceptos ĝin. Ili inokulu tiun signifon de l' vorto homo jam en plej frua aĝo al ĉiuj homidoj. Kaj se vi pacifistoj la patrinojn, la junularon, do la estontan generaciaron havos je via flanko: Ne timu, certe la sukceso estos via!

Sed ni plene konsciu, ke grandioza praktika laboro estos necesa por ĝisfunde aliigi la mensojn de homoj multegaj. Ni uzu ĉiun okazon, ni igu ankaŭ aliajn sammaniere rigardi okazantaĵojn, kiuj gloru la militismon, la heroecon de la soldatoj, tiun bedaŭrindan oferemon de erarkondukitaj bravuloj. Kion diras al ni ilia morto?

Antaŭ kelkaj semajnoj oni publike solenis en London la memoron pri „la nekonata soldato“. En tiu urbego, kie miloj da aŭtomobiloj, tramveturiloj, fervojaj vagonoj, fabrikoj k. t. p. kaŭzas dum tago kaj nokto frenezigan bruegon, oni frapante montris la ĝeneralan funebron per haltigo de ĉiu funkciado por kelkaj minutoj. Silentego subite regis en tiu loko de ĉiama vigleco. La homoj ekstaris mute sur stratoj kaj placoj, ankaŭ la angla reĝo malkovris sian kapon por kelkaj momentoj. Kaj en tiu stranga, impona silento, kvazaŭ de tomboj elspirata, malriĉa homo, kiu vidis tiun pompon, aŭdis el profundegaĵoj teruraj voĉon majestan de l' nekonata soldato, vokantan al tiu staranta amaso: „Mi plenumis devon mian. Kiam vi — plenumos vian?!“ — —

*

Ke d-ro Privat atingis grandan efikon per tiu parolado, estas eble superflue, aldoni. Bedaŭre ne ekzistas laŭvorta stenografaĵo pri ĝi; je eventualaj nekorektaĵoj do estas kulpa la raportinto: *Walter Smital*, Wien.

## ESPERANTOVIVO EN AŬSTRIO.

**Ekspozicioj** estas aranĝitaj en St. Pölten la 14. septembro, en Korneuburg la 21. septembro. Ili bonege sukcesis kaj vigligis la esperantovivon en tiuj urboj. (Bona propagandmaniero. La red.)

**Esperanto-Societo „Junularo“** ĉiu ĵaŭde je la ½8 en kafejo „Molkereihof“, Wien III, Radetzkystraße 23. Prelegoj: 2. okt. s-ino Müller, 16. okt. f-ino Morgenstern, 23. okt. s-ro Sonnenfeld, 30. okt. f-ino Platzek, 6. nov. s-ro Várkány, 9. okt. kaj 13. nov. aranĝotaj de la „Liberâ Laborkomunumo“.

# ALVOKO!

La societo „Allgemeine Nährpflicht“ (Ĝenerala Nutrodevo) en Wien, kiu propagandas la ideojn de la socialreformulo Josef Popper-Lynkeus, disdonis dum la XVIa flugfolion kun la certe interesa celvorto:

**☛ Certigita ekzistado por ĉiu sen escepto! ☚**

La programo de la nutrodevo tekstas:

La sociala problemo (la problemo de la certigita vivtenado) estas solvebla per la institucio de minimum- aŭ nutroarmeo, kiu produktas kaj havigas ĉion, kio estas necesa laŭ la principoj de la fiziologio kaj higieno; kaj se ĝi povas esti havigata, ankoraŭ iom pli, t. e. tio, kio estas dezirinda por pli komforta vivtenado.

La provizado de tiu ekzistadminimumo okazas ennature senescepte kaj senkondiĉe por ĉiuj homoj de la ŝtato; nur la pli taŭgaj el ili estu devigataj, servi difinitan nombron da jaroj en la minimuminstitucio, kiu estu subordigita al ministerio por vivtenado.

La minimuminstitucio certigas al ĉiu: nutraĵon, loĝejon kun meblaro, vestaĵon, kuracistan helpon kaj malsanulflegon. Ĉio, kio ne apartenas al tiu minimumo, estas konsiderata kiel luksa kaj restas farata de la libera monekonomio kun privatposedo kaj kontraktlibereco, kiu — ĉar la ekzistado de ĉiuj estas certigita — eventuale povas fariĝi ankoraŭ pli libera ol nuntempe.

Krom la ekzistadminimumo disdonata ennature ankaŭ duaranga, „kultura“ minimumo estu donata (en mono) kaj ebligu kontentigi luksbezonojn per aĉeto el la libera privatekonomio.

*

La estraro de „Allgemeine Nährpflicht“, konsciante la signifon de Esperanto por ĝeneralaj kulturaj celoj, petas ĉiujn interesantojn, ke ili bonvole sin turnu al la sube indikita oficejo, kiu sendos la plentekstan flugfolion (Esperantan), gazeton kaj kroman literaturaĵon (germanlingvajn).

**La estraro de la Nutrodeva movado en Aŭstrio.**

Oficejoj en Aŭstrio: Unuiĝo „Allgemeine Nährpflicht“, Wien I, Kleeblattgasse 7; en Germanujo: Unuiĝo „Allgemeine Nährpflicht“, Frankfurt am Main, Schliessfach 101; en Ĉeĥoslovakujo: Inĝ. Ludwig Karpe, Teplitz-Schönau. Esperantigita de *E. Werner*, Wien.

# Aŭstruja Esperanto-Delegitaro

**RAPORTO** pri la kunsido de la Aŭstruja Esperanto-Delegitaro, okazinta la 12an de aŭgusto 1924 dum la XVIa en Konzerthaus Wien. Ĉeestis: Wien: s-roj d-ro Schamanek, Ultmann, Gaidosch; Graz: s-roj d-ro Halbedl, W. Rogler, Lossos, Schwarz, ŝtaba kuracisto Dietl; Leoben: s-ro Lidl; Salzburg: s-ro prof-ro Christanell; Korneuburg kaj St. Pölten: s-ro Steiner; Innsbruck: s-ro Schumlitz; Rattenberg: s-ro d-ro Blaas. Kiel prezidanto de la kunsido oni elektis s-ron d-ron Schamanek, prezidanto de la A. E. D. La prezidanto konstatas, ke pro neĉeesto de kelkaj grupoj tiu ĉi kunsido ne estas decidpova en la nomo de A. E. D. Tial oni nur povas priparoli la necesajn aferojn kaj raporti la decidojn de la partoprenantoj al la prezidantaro de A. E. D. Samtempe li komunikas, ke pro la multaj laboroj por la kongreso la A. E. D. en la estinta jaro ne povis labori por la aferoj de la A. E. D. Post li parolas s-ro d-ro Halbedl el Graz, kiu ankaŭ parolas pri la fakto, ke la samaj personoj estas en la A. E. D.-estraro kaj ankaŭ samtempe membroj de la L. K. K. Li petas la ĉeestantojn, ke oni de la A. E. D.-estraro postulu baldaŭan kunvenigon de A. E. D. Jam delonge oni bezonas ĝeneralan kunvenon de A. E. D. Tiu ĉi propono estas akceptita de la partoprenantoj. S-ro d-ro Halbedl demandas s-ron d-ron Schamanek, kial la raportilo de A. E. D., la A. E. R., ne plu aperis. S-ro Schamanek denove parolas pri la granda laboro por la kongreso kaj diras, ke la ĉefa kaŭzo de la malapero de A. E. R. estis manko je mono. Post tio propagas s-ro Steiner la novan aŭstrian esperantan gazeton „Aŭstria Esperantisto“.

S-ro Rogler proponas: „Ĉiuj hodiaŭ partoprenantoj aŭstriaj Esperantogrupoj abonu almenaŭ unu ekzempleron, por ke oni estu scianta, kion decidas la A. E. D.-estraro, ĉar s-ro Steiner tre afable promesis, represi la komunikojn de la A. E. D.“ Oni akceptas tiun ĉi proponon. Poste oni parolas pri la loko de la proksima A. E. D.-kunsido. D-ro Halbedl proponas Graz; ĉar ĉiuj konsentas, d-ro Halbedl proponas jenan decidon: „La hodiaŭa kunsido de la ĉeestantaj A. E. D.-grupoj, kiuj estas kaj estos reprezentataj en A. E. D., decidis, ke la 1an kaj 2an de novembro 1924 okazu en Graz la dua ĝenerala kunsido de A. E. D.“ La A. E. D.-estraro estas petata, tuj aranĝi la necesajn laborojn por tiu kunsido, kaj ĉiuj Esperantogrupoj estas petataj, plej eble baldaŭe priparoli la necesajn aferojn en la grupoj kaj sendi skribajn proponojn por la decidita kunsido tuj al A. E. D. kaj „Aŭstria Esperantisto“. Ĉiuj ĉeestantoj promesas varbi por tiu kunsido partoprenantojn kaj esperas, ke A. E. D. uzu la sukcesojn de la nuna kongreso. Post reciprokaj salutoj oni adiaŭas kun la deziro je baldaŭa sukcesriĉa kunveno en Graz.

*

Plenumante la deziron de la kunvenintaro kaj konsiderante, ke ni ĝis nun pro ankoraŭ daŭrantaj postkongresaj laboroj ne povis aranĝi nian kunsidon, ni invitas per ĉi tio la A. E. D.-n al ĝenerala kunsido okazonta la 7. kaj 8. decembro en Graz.

La delegitoj bonvolu anonci sian partoprenon pro prizorgo de loĝejo al la Esperanto-Societo por Stirio en Graz, Schönaugasse 6.

Por la direktantaro de A. E. D.:
Josef Schamanek.

## PLUAJ BEZONOJ.

En la lastaperinta numero de „A. E.“ mi priparolis kelkajn farojn plenumotajn de A. E. D. kaj mi esperas kontentigan eĥon de mia artikolo ĉe tiuj, kiujn ĝi koncernas. Hodiaŭ mi volas skribi pri afero tre grava por la tuta Esperantomovado, sed precipe por la movado en nia patrolando. Tio estas la demando, kiel amikigi al nia afero la enlandan gazetaron.

Certe oni ne povas nei, ke sen aŭ kontraŭ la gazetaro neniu demando de publika signifo povas tiel bone progresi ol helpate de la gazetaro. Prave ni ĉiuj jam oftege plendis pri la sintenado de la gazetoj rilate al Esperanto. Por artikoloj pri Esperanto ĉiam mankas spaco. Tiu ĉi hontiga fakto ŝajnas esti ne forigebla. Ke la stato ne pliboniĝis rimarkinde, eĉ ne post la XVIa, montras, ke ni ne trovis la ĝustan rimedon. Tamen mi kuraĝas atendi, ke miaj ĉi sekvantaj linioj montras la vojon, sur kiu ni atingos nian celon.

Ĉefa kaŭzo de la rezisto de la ĵurnalistoj estas ilia mentaleco, naskita el la fakto, ke ili formigas, kiel oni diras, la „publikan opinion“. Ili pretendas, neniam bezoni instruojn de eksterulo. Tiu ĉi stato devas esti zorge atentata, se ni deziras sukcesi per nia konvertado.

Ni ne plu intencu, konvinki tiujn sinjorojn antaŭ la granda, vasta publiko, sed en iliaj rondoj. La legantoj de gazetoj ree devas miri, kiel moderne kaj progreseme pensas la redaktoroj, kiam ili deklaros en siaj ĵurnaloj, ke Esperanto estas la memkomprenebla bezonaĵo de ĉiu nuntempa homo inteligenta.

Pro tio ni invitu la redaktejojn al parolado pri Esperanto, kiu estos farota nur por ĵurnalistoj. La invito estu adresata al la koncerna loka unuiĝo de la ĵurnalistoj, kie oni volas aranĝi la paroladon. Post la parolado okazu la en la invito promesita debato. La paroladonto devas esti tre sperta Esperantisto kaj samtempe oratoro. Aliaj niaj spertuloj nepre partoprenu la aranĝaĵon, por ke ili povu helpi en la diskuto, ĉar kutime homoj, kiuj devas kaŝi mankojn de sia scio, skermas per sofistaĵoj, nur erarigante samspeculojn kun pli bona volo.

Ĉar pli bone enmemoriĝas vortoj, kiujn oni ilustras per videblaĵoj, mi rekomendas instali en la paroladejo ekspozicion de esperantaĵoj. Ĉiu grupo en pli grava loko posedas por tio sufiĉe grandan bibliotekon kaj aregon da presaĵoj, gazetoj k. t. p.

Per tio ni ja ne atingos kurson por tiuj sinjoroj, sed ni devas celi ilian instruiĝon, dirante flate, ke ili plej bone lernas la lingvon sen instruanto. Tiu metodo havas por ili la grandan avan-

taĝon, ke ili ne devas timi, esti publike priridataj de kunlernantoj pro la komencaj fuŝaĵoj, kiujn ili — kiel aliaj mortuloj — ne povos eviti.

Do ni vidas, ke ni devas tirigi nian ĉaron eĉ per la vanteco de la homoj. Mi vetas, ke tiam ni sukcesos.

*D-ro Adolf Halbedl,* Graz.

# Tutmonda Esperantista Ligo Fervojista

Centro: Bisamberg n-ro 248 apud Wien.

## PROPONO!

Por pligrandigi nian ligon T.E.L.F. estas nepre necese, ke la gekolegoj varbu ĉiel en siaj landoj inter la fervojistaro.

Sed antaŭ ĉio ni devas interesigi la fervojministeriojn ĉiulandajn, por ke ili helpu nian aferon.

Por atingi tion, ni konsilas al la kolegaro tutmonda, ke ili prezentu al siaj ministerioj petskribon enhavantan jenajn punktojn:

1. Raporto pri fondo de T. E L. F. kaj ties celoj (laŭ n-ro 2).

2. Por atingi niajn celojn la ministerio bonvolu

a) permesi, ke kolegoj aŭ aliaj instrukapablaj personoj gvidu kursojn ĉe la ministerio, la direkcioj kaj grandaj stacioj. La fervojistoj ekster ĉefurbo estu lernontaj Esperanton ĉe kluboj en siaj urbetoj aŭ per si mem laŭ informoj riceveblaj de la reprezentanto de T. E. L. F.;

b) sciigi la fervojistaron per sia oficiala informilo, ke lernado de Esperanto estas necesa afero por ĉiuj fervojistoj, por ke ili povu interkomprenigi sin je intereso de la servo aŭ kun Esperantistaj fremdlandanoj vizitantaj la direkciojn aŭ skribantaj tien, aŭ kun vojaĝantoj en la stacioj aŭ en la trajnoj, kiuj volas informigi sin;

c) instigi la fervojistajn Esperantistojn kunlabori je verkado de fakvortaro. S-ano Habellok (Breslau) ĝin komencis kaj petas kunlaboron (vidu n-ro 2 de „Aŭstria Esperantisto“);

d) post fino de la kursoj enkonduki Esperanton oficiale 1. ĉe direkcioj por skriba interrilato kun diverslingvaj administraroj (ekzemple plendoj kaj esploroj pritrafikaj). Ili ŝparos monon kaj tempon evitante tradukon en diversajn lingvojn; 2. ĉe grandaj stacioj kaj almenaŭ rapidtrajnoj je pligrandigo de la fremdulfrekvento.

Tiam estus rekomendinda, ke tiuj fervojistoj portu la stelon oficiale laŭ la modelo de nia polico.

**Ni jam** prezentis nian petskribon.

Aŭstria L. O.

*

La reprezentantoj estas petataj, sendi regule siajn raportojn (laŭ p. 2 de regularo). Ankaŭ artikoloj por nia faka parto estas bonvenontaj de ĉiuj gekolegoj. T. E. L. F.-estro.

---

### RIMARKINDAJ PRESAĴOJ.

**Internacia Komerca Adresaro „Per Esperanto“.** Komisiita de la Asocio por komerco kaj helplingvo tutmondaj en Vieno. Kolektita kaj eldonita de Rudolf Hoschek, Wien XVII, Müglenderstraße 6. Kiu propagandisto ne jam delonge sopiris je materialo el la praktika vivo kaj tial pruvoforta! En tiu ĉi adresaro s-ano Hoschek prezentas sur 184 paĝoj multajn centojn da adresoj de firmoj ĉiukontinentaj, kiuj negocinterrilatas „per Esperanto“. La unua parto ordigita laŭ landoj do estas bonega pruvilo por la disvastigiteco de la helplingvo en komercistaj rondoj, do nepre konvinkiga por skeptikuloj. La dua parto ordigita laŭ komercaj branĉoj praktike akomodiĝas al la kontorbezonoj de la komercistaro. Konsiderante la vere malaltan prezon por tia verko da 30.000 aŭ. K, respektive 2·5 sv. fr. oni nur povas rekomendi al ĉiu serioza samaferano la mendon de tiu unika libro. *W. Smital,* Wien.

# Universala Esperantista Pacifista Ligo

Centro: Wien I, Hofburg (Aŭstrio).

(Vidu daŭrigon de nia raporto sur la unua paĝo de ĉi tiu kajero.)

## RADIO KAJ ESPERANTO

**Radio-Fakvortaron Esperantan** publikigos la radioĵurnalo „Radio-Rundschau“, Wien I, kune kun fakvortaroj en germana, angla, franca kaj aliaj lingvoj.

**Radio-Servo,** Esperanta ilustrita Radio-gazeto, aperas en granda gazetformato ĉiumonate en Lokarno (Svislando) kun aldonoj en angla, franca kaj germana lingvoj. Specimenojn kontraŭ respondafranko sendas la „Libera Esperantista Laborkomunumo“, Wien VII, Lerchenfelderstrasse 23.



## Verkintoj, eldonantoj!

Sendu al ni viajn verkojn por recenzo!

## ANONCOJ

3liniaj anoncetoj kostas 5000 aŭ. K. — Reklamo 1/8 paĝo = 30 mil, 1/4 paĝo = 60 mil aŭ. K por unu numero, por pluaj laŭ interkonsento

pk. = poŝtkarto, il. = ilustrita, hm. = helpmono, l. = letero, pm. = poŝtmarkoj.

Aĉetante bonvolu ĉiam rilatigi vin je nia ĵurnalo!

**Robert Hein,** fakinstruisto en Hohenau an der Nordbahn, N.-Ö., deziras korespondi kun sam- kaj eksterlandanoj.

**Anton Bubeniczek,** Korneuburg apud Wien, Laaerstrasse 61, deziras korespondi kun eksterlandanoj.

Eldonanto: Esperanto Unuiĝo en Korneuburg (Redaktoro: Hugo Steiner, Korneuburg, Hovengasse 12). — Presejo: Gstaltner & Co., G. m. b. H., Korneuburg, Kirchengasse 3.